IEMW

# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio

# Lidia Zamenhof en Ameriko

Daŭrigante la apostoladon en Usono la filino de nia majstro venis de Nojorko al Philadelphia, la urbo de Fratano, jam ludinta rolon en la vivo de D-ro Zamenhof.

La veno de F-ino Lidia Zamenhof estis intencita jam por pli frue sed cirkonstancoj malhelpis tion. Ankaŭ lokaj kondiĉoj iom influis la kurson kiun F-ino Z. komencis tuj post Novjaro.

La provlecionon ĉeestis ducent personoj. Ĝi estis inspira travivaĵo. Oni konstatis, ke la Ĉe-metodo estas vere genia evoluo en la instruado de nia lingvo.

Dume okazis la kurso mem. Ĉiuj partoprenantoj estas ĉarmitaj de la lingvo kaj de la instru-maniero.

La kurson antaŭiris propagando laŭ la tradiciaj manieroj: Leteroj al societoj, institucioj, taggazetoj, radiostacioj; afiŝoj kaj artikoloj en taggazetoj.

Evidentiĝas ke en Usono — unulingva lando — oni dirus lingve normigita! — la propagando Esperanto devigas iri alian vojon ol la kutiman.

Al F-ino Lidia Zamenhof ni deziras pluan sukceson en ŝia klopodado.

La apuda reproduktaĵo estas bildo aperinta en taga gazeto « Philadelphia Record » kun grand litera surskribo kaj tre amuza artikolo pri intervjuo de l' redaktoro kun F-ino Zamenhof.

[Traduko de l' angla teksto].

Feliĉan Novan Jaron 1938...... kaj la samon al vi. Lidia Zamenhof, filino de l' inventisto de Esperanto, donas lecionon pri internacia komunikiĝo al Joan Dubin.

(Resumo laŭ raporto sendita de Joseph W. Dubin, Ĉefdelegito de UEA).




"...and the same to you!" Lidia Zamenhof, daughter of the inventor of Esperanto, gives Joan Dubin a lesson in international communication.

# La Jubilea Kongreso

*En ESPERANTO n-ro 455, paĝo 2, ni publikigis la bilancon de la 29-a Kongreso. El ĝi rezultis, ke la Jubilea Kongreso finiĝis kun perdo de iom pli ol* Mil *zlotoj, kondiĉe ke la debitoroj* pagos *sian ŝuldon. Inter la debitoroj troviĝas la Brita Esperantista Asocio kun 1904.20 zl. Tiu ĉi sumo estas retenita laŭ la ordono de Internacia Esperanto Ligo, pretendante la rajton de licenco. Ni aldonu, ke la sumo 1904.20 zl. devenas de kongreskotizoj — do bonhavo de la LKK ne pridubebla.*

*Kiel ni klarigis en la antaŭa artikolo, la perdo de iom pli ol 1000 Zl. estas kondiĉa. Per la rifuzo de Internacia Esperanto Ligo, rezigni je licenco pretendita sed ne rajtigita, la deficito altiĝas ĝis rondcifere trimil zl., ĉiam supozante, ke la aliaj debitoroj plenumos sian devon. Montriĝas nun, ke Internacia Esperanto Ligo ne inklinas cedi.*

*Ni publikigas tie ĉi leteron kies kopiaĵon ni ricevis antaŭ ne longe. Ni publikigos sinsekve aliajn dokumentojn pri tiu ĉi plendinda afero.*

Redakcio de Esperanto.

*
**

Sekvas sur sekvanta kolono Letero de la Loka Kongresa Komitato, Varsovio, al Internacia Esperanto Ligo, Heronsgate, Rickmansworth.

N-ro 1349 W.

Varsovio 13-XII-1937.

Tre estimataj samideanoj,

Ni kun bedaŭro ricevis vian leteron de l' 30 de Oktobro pri via nea sinteno al rezigno pri la licencpago. La afero ne estas malfeliĉe tiel simpla, kiel vi tion prezentas en Via ŝatata letero.

Jubilea Kongreso estis organizita en treege malfacilaj cirkonstancoj, kiel vi certe tion scias. Pro la bedaŭrindaj malpacoj en la centraj organizaĵoj esperantistaj, kiuj kiel vi certe konsentos, estis tute sendependaj de LKK, kongreso ne ricevis sufiĉan subtenon flanke speciale de IEL, pri kio ni esperas, Vi ankaŭ konsentos sen cito de la abunda koncerna dokumentaro. Se do aliĝado de kongresanoj ne estis sufiĉa, ni eĉ diru pro la karaktero de la kongreso, katastrofe malalta, estis kulpo unuflanke de aliaj, ne de LKK.

Bonvolu ankaŭ rimarki, ke Varsovia kaj Pola esperantistaro estas sufiĉe, pro la krizo, malriĉa kaj ĝi sole ne povas pagi la tutan deficiton de la tamen internacia aranĝo. Bonvolu ankaŭ rimarki, ke kompare kun la esperantistaj pagoj partoprene de la Pola Ŝtato estis neproporcie granda kaj estas absolute ne dece prezenti novan peton pri subvencio.

Ankaŭ decidante pri la licenco oni ne konsideris simplan fakton, ke pri la afero estas interesigita UEA, kiu ja ankaŭ partoprenas en licenco almenaŭ same statute kiel IEL kaj kiel vi certe estas informitaj, UEA konsentas sian rajton nur kondiĉe, ke IEL cedos ankaŭ.

Bonvolu ankaŭ noti, neniu el eksterlandaj samideanoj estas garantianto de nia Kongreso, certe fakto ĝis nun unika en nia movado.

Se, kiel skribas S-ro Prezidanto Bastien, IEL havas deficiton pro malfacila nuna jaro de sia ekzisto, bonvolu konsideri, ke UEA havas la samajn malfacilaĵojn kiel Vi aŭ eĉ pli grandajn. Do se ĝi grandanime cedas kaj ne nur cedas, sed kiel vi ankaŭ scias helpis nin treege aktive kaj figuras ĉe ni kiel kreditoro por tre grava liverita al ni materialo Vi certe konsentos, ke kontraŭvole ni devus konsideri ĝian sintenon multe pli samideana, se la afero finiĝos per Via decido.

Sed estante certaj, ke ni trovos ĉe Vi same bonan komprenon kiel tion montris Viaj ŝatataj leteroj de la 27a de Aŭgusto kaj la 20a de Oktobro, ni turnas nin al vi kun afabla peto ree prikonsideri la aferon kaj decidi ĉi foje jese. Al tio devigas nin ekstreme kriza stato en kiu troviĝas LKK, dank' al bazitaj plendoj de kreditoroj. Ankaŭ LKK havis multajn malagrablaĵojn dank'al falsaj denuncoj de Via Varsovia fakdelegito S-ro Gielb kaj lia amiko redaktoro Pisarski. Kompreneble al tiu malagrabla afero ni ankoraŭ revenos.

Krome ni devas rimarki pri la maniero de transpago de la mono flanke de BEA. Ni volas ĉi tie substreki ke ni per nenio rajtigis BEA-n pagi al Vi la monon, kiu estis nur deponita en kaso de BEA je nia dispono.

Atendante vian rapidan respondon ni restas kun samideanoj salutoj.

Por XXIX-a U.K. de Esperanto :
Subskr. Wiszynski — Lubliner
Prezidanto. — Por. Sekr. Ĝen.

Konfirmas : Dratwer.

# Universala Esperanto-Asocio

## Oficiala informilo 1938-I

Finnlanda teritorio:

Laŭ propono de malnovaj membroj de UEA en Finnlando, la teritoria organizo estas nun la jena:

Kiel ĉefdelegito estas proponata

*S-ro Prof. Ramstedt, Helsinki*

kaj kiel Teritoria Sekretario

*S-ro Olli Laukkanen, Helsinki*

kiu prizorgas la administrajn laborojn kiel ĝis nun. Ĉiuj sendaĵoj por UEA, kotizoj, k. t. p. estu adresataj al

Esperanto-Instituto de Finnlando, Kluuvikatu 5, Helsinki.

Estas proponata kiel kandidato por la nova komitato de UEA

*S-ro Vilho Setälä, Helsinki*

por Skandinavio kaj nordaj landoj.

*Komitato de UEA*

Estas proponataj la jenaj kandidatoj al la nova komitato:

Nederlando: Prof. D-ro J. Baart de la Faille, Arnhem.

Jugoslavio: S-ro Radomir Klajić, Beograd.

Francujo: S-ro Daniel Chagnoux, Yzeure.

Skandinavaj landoj: S-ro Vilho Setälä.

Pliaj informoj sekvos.

*Jarlibro* 1938.

Estas en plena laboro. Ĝi ampleksos 240 paĝojn, enhavos enciklopedian parton esperantistan, kompletan informon pri ĉiuj esp. organizaĵoj, adresaron de la Delegitoj de UEA. Ĝi enhavos ilustraĵojn kaj estos presata pli bone kaj sur pli bona papero ol tiu de 1937.

*Premioj :*

Elĉerpiĝis la premioj por frupago V, VII, kaj XI.

La premioj I kaj II baldaŭ estos pretaj.

*Esperantista libertempejo*

La Turisma Servo de UEA organizas dum tiu-ĉi jaro libertempejon en ĉarma regiono en Svislando. Malmulte kosta, agrabla kaj amikeca restado.

Precizaj informoj aperos en sekvanta n-ro.

### Ekspozicia Servo

Ni informas ke la datlimo por mendi ekzempleron de la elmontraĵo « Esperanto en Poŝta Servo » finas je la 15a de Marto. Personoj kiuj ankoraŭ ne mendis tian volu ĝin fari, ĉar la nombro de ekzempleroj presotaj estas malalta.

Centra Oficejo de UEA.

Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando

# Interŝtata Esperanto-Akordo

Ĉefa ideo : Ses registaroj reciproke promesos : Ni enkondukos la instruadon devigan de Esperanto en ĉiujn lernejojn de nia lando, se vi promesos fari la samon.
Gvidanto informa de la penado : D-ro Antoni Czubrynski, Wesola 32, Wlochy pod Warszawa (Polujo)

## Raporto pri la ĝisnuna laboro

### Iom da historio

Pro tio-ĉi, ke lastfoje mi konstatis el alsenditaj al mi leteroj, ke iuj samideanoj ne havas sufiĉe klarajn ideojn pri la kolektiva karaktero de IEAk-penado, kio povus eĉ kaŭzi miskomprenojn, mi donas ĉi-sube kelkajn klarigojn :

Laŭ tio-ĉi kion mi citis en mia broŝuro pri IEAk, eldonita de LKK de XXIX kongreso kaj en Maja nro 442 de « Esperanto » oni povas konstati, ke tiu-ĉi ideo tuj de naskiĝo estis transdonita al la tiama centro de nia movado, kiu en tiu-ĉi periodo estis UEA kaj ICK kaj kiu klopodadis en la jaroj 1922-1927 por realigi ĝin, atingante partan sukceson / tri ŝtatoj aliĝintaj/.

Dum la jaroj 1929-1936 pro la granda monda ekonomia krizo kaj intime kun ĝi ligitaj malfavoraj politikaj cirkonstancoj oni nenion povis fari.

Renovigante la klopodojn pri tiu-ĉi ideo mi kaj aliaj membroj de la LKK de la Jubilea volante de ĝi fari kolektivan movadon pri kiu ĉiuj klopodos, prezentis la ideon al XXIX Kongreso en Varŝavo antaŭe informinte la institutojn registritajn al la kongreso pri proponota Akordo. La rezoluciojn de la kunsidoj de TAGE en la tagoj 10 kaj 13 de Aŭgusto, kiujn oni konkorde akceptis, ni poste prezentis al ĝenerala kunsido de la Kongreso por la diskuto kaj voĉdono la 14-an. Neniu kontraŭstaris. La rezoluciojn publikitajn poste en la preso esp., oni akceptis ankaŭ unuanime. Multaj samideanoj dum la kunveno de TAGE, kiu funkciis kiel lerneja sekcio de la kongreso kaj zorgeme studis la problemon, promesis labori en siaj landoj por IEAk.

Ni atentigas pri la rezolucio, kies fino estas : « La kongreso rajtigas sian Lokan Organizan Komitaton /LOK/ funkcii kiel la Realiga Komitato de la Kongreso /RKK/ kaj komisias al ĝi informi la registarojn pri la laboroj kaj rezolucioj de la Kongreso ». **Do la problemo pri IEAk estas ek de nun la oficiala afero de la tuta esperantistaro.**

Laŭ tio-ĉi kion oni decidis dum tiu-ĉi kongreso la pezpunkto ne tiom ripozas en iu centro, kiu ĝis nun estas RKK rajtigita de Kongreso sin okupi pri tiu-ĉi penado, sed en plejaŭtonomie agantaj naciaj /landaj/ organizoj celantaj aliĝigi siajn registarojn por IEAk. Sekve la aliĝigo de iu lando al IEAk estas penado nur de ĉi-landaj organizoj esperantistaj.

Ni volas laŭ la deklaroj dum kongreso, ke la klopodoj pri IEAk estu problemo de UEA-anoj kaj IEL anoj kaj de apartaj esperantistoj apartenantaj nek al unu, nek al alia, sekve de la esperantistaro tutmonda.

Ne volante sin per io-ajn altrudi, aŭ intermiksi en la naciajn esp. movadojn ni esperas, ke oni klopodos en ĉiu lando konforme al la deziresprimo de la Jubilea Kongreso konvinki la registaron de la koncerna ŝtato pri la utileco de la aliĝo al la poresperanta Akordo.

Tio-ĉi povas esti nur la afero de landa esp. organizo. Se tiuj-ĉi organizoj havas ion kontraŭ la rezolucio akceptita de Jubilea Kongreso, ni estus al tiu-ĉi landa organizo dankemaj, se ĝi bonvolos klarigi al ni siajn specialajn cirkonstancojn kiuj ne permesas al ĝi kunlabori kun la landa esperantistaro por la realigo de la rezolucioj de Jubilea Kongreso pri la propagando de la IEAk.

Se iu landa organizo opinias, ke oni sukcesos postulante de siaj ministroj la tujan enkondukon devigan de Esperanto en ĉiujn lernejojn, sen la subteno de la postuloj per 5 aliaj ŝtatoj, oni provu tion-ĉi fari. Ni certe tre ĝojos kaj gratulos.

Sed, se oni ne sukcesus, oni tamen farus multe, se oni sukcesus minimume ricevi la promeson pri IEAk.

La Realiga Kongresa Komitato (RKK) de la Jubilea sciigis ĉiujn registarojn pri la rezolucioj de la kongreso.

### Kio ĝis nun estis farita ?

1/ Oni dissendis la informan broŝuron pri IEAk al ĉiuj Lingva-Komitatanoj kaj Akademianoj, al la esp. preso, al naciaj /landaj/ esp. organizoj, al preskaŭ ĉiuj delegitoj de UEA kaj IEL precipe en Eŭropo, ĝis kiam permesis la provizo de la jam tute elĉerpita broŝuro. Se iu nacia organizajo opinias, ke estus bone dissendi en la lando pluajn ekzemplerojn, ĝi povas presi broŝurojn, kompreneble post forigo de preseraroj kaj interkonsentinte pri necesaj ŝanĝoj kun la aŭtoro, kiu rezignis pro bono de la propagando el la aŭtorrajtoj.

2/ Oni sendis la informojn kaj raportajn artikolojn al ĉiuj ĉefaj organoj de UEA kaj IEL kaj aliaj.

3/ Oni sendis multon de informaj cirkuleroj al naciaj organoj kaj privataj leteroj al diversaj agantoj.

Kun speciala zorgo kaj atento ni klopodis, ke 50-kelkaj registaroj estu informitaj pri la IEA ideo kaj rezolucio akceptita dum la Jubilea kongreso. France redaktitaj, ĉiu alimaniere laŭ ŝtataj kondiĉoj ili iris en ĉiun landon de la terglobo. Al svisaj kantonoj, al ŝtatoj de Usono kaj Kanado, kie la Publika Instruado ne estas centraligita oni sendis specialajn leterojn. Laboro grandega kaj multekosta. Ne ĉiuj ŝtatoj konfirmis ricevon. Sed inter la respondoj estis kelkaj favoraj kaj atentindaj.

### La semoj kaj la ĝermoj

El tiuj-ĉi multaj semoj komencas jam elkreski ĝermoj. Ideo komencas esti populara. Jam oni komprenas ideon pri IEAk, sed estas rimarkebla ankoraŭ la nesufiĉa movebleco kaj kuraĝo de landaj organizoj klopodi ĉe iliaj registaroj, ke ili aliĝu al IEAk. Oni atendas iun fakton, kiu povus esti trumpeta veksignalo por la dormantaj kavaliroj de Verda Stelo.

Tiuj-ĉi paŝoj estos verŝajne entreprenataj en du ŝtatoj. Kia estas la efiko, oni momente ne povas antaŭvidi. Oni povas kaj devas tamen dum tiuj-ĉi klopodoj citi Hungarujon, kies ministro de Klerigado, grafo Kuno Klebelsberg komisiis al ministro por ekstero, Ludoviko Valkó subskribi la Akordon en Ĝenevo n-ro de akto 15622 /1928/. Ĉiu nova aliĝo al IEAk faciligos la pluajn, ĉar ĉiu nova ŝtato aliĝonta ne sentos sin izolita kaj pro tio des pli kuraĝe donos sian subskribon.

Kun speciala peto kaj atento mi turnas min al italaj samideanoj. Laŭ la kompilitaj sciigoj kaj informoj pri IEAk-stato en la mondo, kaj speciale en Eŭropo, estas sufiĉe antaŭvideble, ke la aliĝo de Italujo al IEAk, se ĝi estus akirebla, havus grandegan influon precipe je Meza Eŭropo, Norda Afriko kaj plue je la tuta mondo. Tiu-ĉi aliĝo estus ora karto en la tuta IEAk-penado. La kaŭzojn mi klarigis jam al italaj samideanoj al mi konataj, sed estus preferinde momente ilin ankoraŭ ne publikigi, ĝis kiam la afero estos tute matura/ se ĝenerale la tuta aliĝo de Italujo estos ebla/. Tial per ĉiuj fortoj oni devas subteni la esp. movadon kaj speciale IEAk-penadon en Italujo el ekstere, ĉar post tiu-ĉi aliĝo de Italujo eble la duono de la plejmalfacila laboro estos forlavangita. La plua estos multe pli facila. Tial multajn niajn esperojn ni konstruas je tiu-ĉi lando. Tie unue ni sendis la informajn broŝurojn pri IEAk kaj estas pretaj ĉion eblan fari por helpi tie al sukcesigo de IEAk-ideo sed ni ne povas nin intermiksi en la internan agadon de niaj italaj samideanoj, ĉar ĝi dependas kiel ĝenerale ĉiu nacia esp. agado nur de ili, ne de ni. Bedaŭrinde el tiu-ĉi lando ni ne havas ankoraŭ sufiĉe da informoj.

### Petoj :

Ni petas informi nin pri la laboroj jam faritaj : pri la popularigaj artikoloj pri IEAk, pri la prelegoj kaj preparoj al la laboroj ĉe la registaroj. Ni nenion altrudos, sed ni volus havi klaran bildon pri la ĉiam sin ŝanĝanta situacio de IEAk-penado en la mondo.

Kun speciala peto mi turnas min al la migrantaj agantoj, Lidja Zamenhof, Kola Ajayi, J. R. Scherer kaj aliaj kun afabla peto popularigi ideon pri IEAk, kiu estas laŭ rezolucio de Jubilea la agad-direktivo de la tuta mondo esperantista.

Ni dezirus havi en ĉiu lando la adresojn de la samideanoj, kiuj sub la kontrolo de nacia organizo kaj ĝiaj aŭspicioj laborus speciale pri aliĝigo de koncerna lando al IEAk.

Aŭstraliaj samideanoj povus helpi al popularigo de IEAk-ideo en specialaj rondoj okupiĝantaj pri la propono de parlamenta senatano Macartney Abbot por konkordigi lian proponon kun IEAk-ideo laŭpove.

Esp. katolikaj agantoj partoprenontaj en Eukaristia Kongreso en Budapest povus jam nun priprensi la preparajn laborojn por ke en estonteco la Eklezio Katolika kun ĝia tra la tuta mondo dissemita lernejaparato aliĝu al IEAk.

### Universalaj kongresoj kaj IEAk.

Estus dezirinde akcepti kiel principon aranĝi pluajn universalajn kongresojn en tiuj-ĉi landoj, kies registaro povus plejverŝajne aliĝi al IEAk, kiu dum ĉiuj kongresoj venontaj /kiom-ajn ili ankoraŭ estos/ devas esti en la tagordo kiel unu el la ĉefproblemoj diskutotaj. Kongreso forpasas post unu semajno, sed la aliĝo de ŝtato al IEAk estos daŭre rezulto. Antaŭkongresan tempon kaj propagandon oni devas elprofiti por sukcesigi IEAK-ideon en la koncerna lando.

Laŭ la sciigoj ricevitaj ankoraŭ dum Jubilea Kongreso, la ideo pri IEAK ne estas en Britujo pro decentraliga karaktero de la Publika Instruado tiel same aplikebla kiel en aliaj landoj, kie tiu-ĉi instruado estas en la mano de unu ministerio. Britujo, postulas alian taktikon, kiun oni lasu efektivigi al britoj, kvankam por Britujo ne estas sensignifa, se iliaj penadoj estus submasonitaj el eksterlande per aliaj ŝtatoj kiuj aliĝus al IEAk. Malgraŭ tiuj-ĉi aliaj kondiĉoj mi opinias, ke la alproksimiĝantan londonan kongreson oni povus elprofiti por la apliko de tiu-ĉi taktiko, kiun britoj opinias kiel la plejbonan ĉe si. Estus granda peko, se oni tion-ĉi ne farus.

### Niaj mortintoj

Ni sciiĝas pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni esprimas nian tutkoran partoprenon en ilia aflikto.

*S-ro Prof. Dejean,* Grenoble malnova fervora laboranto por nia afero.

*S-ro Stevan Zivanović.* Esperanto societo en Beograd, Jugoslavio, estas trafita per dolora perdo de sia sekretario, S-ano Stevan Zivanović. — Esperanton li lernis en 1919, de tiu tempo ĉiam aktive partoprenis en la movado kunlaborinte al multaj esp. ĵurnaloj, trifoje akirinte premiojn ĉe la katalunaj Floraj Ludoj. Antaŭ kvin jaroj sub lia redakto aperis bonega esperanto-jugoslava vortaro. La jugoslava-esp. estis en preparo. Li gvidis multajn kursojn, dufoje redaktis hektografitan bultenon kiam al jugoslavoj ekmankis komuna organo. La morto ĉesigis la laboron de fervora esperantisto en plej bona aĝo de 38 jaroj. Al lia edzino kaj la gepatroj ni esprimas sinceran kondolecon.

### Penseroj

*Kelkfoje iu hontas por la tuta homaro.*

*

*Nur kiam oni finiĝis la saĝo,* tiam *oni kredas je miraklo.*

*

*Sereneco estas la ĉielo sub kiu ĉio prosperas.*

*

*Nenio en la mondo estas tiom malbona, ke ĝi ne povus esti ankoraŭ pli malbona.*

## Al mia infaneto

**de Antonio Cappa**

Al ci, Alba, kiu donis al mi karan anĝeleton, mi dediĉas ĉi tradukon.

*La tradukinto.*

*Dolĉe por ci bela lulilo dancas,*
*kaj en orgojlo kiu saturas koron*
*miraklo estas de sekretaj baloj*
*ci kaj ĝojego de patrina amado !*

*Dormu trankvile, anĝelet' mia kara,]*
*patrino viglas kaj pro am' fortiĝas*
*en pura paco de trankvila dormo,*
*kiu daŭras preter sunleviĝo ĉiama.*

*Dum sur la lipo vagas rido amenda,]*
*dolĉe por mi doni al ci kantojn miajn,]*
*plekti girlandojn kun esperoj helajn,]*
*sonĝi cin plenan de brilantaj gloroj.]*

*Ciaj etaj okuloj dolĉaj kaj bonegaj*
*plenas mian koron per cia ĉarmo gaja ;]*
*sulkojn, ĉagrenojn cia balzam' forigas]*
*de ĉia kareso de cia mano ela.*

*Amas okulo vagi kien klarega*
*lazuro malproksimen kiom permesas],*
*por trovi aman kaj korbatojn vivan,*
*ejon al sonĝoj belan kaj brilantan.*

*Do mi cin pensas, infaneto aminda,*
*en trembrilado de multegaj steloj,*
*en dolĉa odoro de belegaj floroj,*
*en harmonio de muzikaj kantoj.*

*Oh, povu mi de temprapido daŭron]*
*haltigi por ni ambaŭ ! Kvietaj horoj]*
*de nigraj punktoj senlumigaj vagas]*
*kaj de langvore estas anim' frapita.*

*Frunto mia laca ekkurbiĝos iam,*
*malaperita eĉ deziro ela,*
*nur cian akcenteton mi ekkredos bonu]*
*nur ĝi por mi estos vera amado !*

El itala esperantigis libere,
Corrado Cerri.

# Kalejdoskopo de l'Esperantismo

## Esperanto en Italujo

Diversaj okazintajoj lasttempaj devigas ekzameni la pozicion de nia movado en Italujo. La atento pri nia movado, farata de la registaroj en diktatoraj landoj (atento egalvaloras preskaŭ suspekto) ja staras en mala proporcio je la nombra forto de nia anaro. Sed la sinteno al Esperanto en ĉi tiuj landoj estas tamen malsama. Utilas koni la nunan situacion de Esperanto en Italujo, kie ĝi trovis tiom interesan rekonon en la uzado de turisma propagando.

### Esperanto en ŝtatoj totalecaj

Leganto miras eble pri la titolo. « Totaleca » estas tiu ĉi ŝtato, kie la tuta vivo estas submetata aŭ gvidata de ŝtata ideologio. La franca vorto « totalitaire » eniris ĉiujn lingvojn eŭropajn.

La unua bato al la Esperanto-Movado okazis en Ruslando, ni diru precize en la ŝtataro soveta. Konsiderata unue kiel bonintenca klopodado, la estroj, aŭ ne speciale atentis ĝin aŭ rilatis bonvole al la propagando. Oficiale la registaro soveta subtenis penadojn en internaciaj sferoj, konsenti al Esperanto certan pozicion. Tio okazis en 1927, kiam oni diskutis la rekonon de Esperanto kiel klaran lingvon. En tiu ĉi diskutado, la Delegito de la Soveta Registaro subtenis la proponon kaj ĝi estis akceptita, kune kun la Latina, esti klara lingvo en telegrafado.

Kulpas la Esperantistoj mem kiel suspekton pri la karaktero ĝenerala de la klopodado pri internacia lingvo en USSR. En la jaro 1923, la Delegitoj de UEA estis avertitaj, demeti la oficon kaj submeti sin al la enlanda organizajo, la Sovetlanda Esperantista Unuiĝo. Tiu ĉi organizajo tutsimple nuligis tion kion kreis UEA. Siatempe oni ne bone komprenis la veran sencon de l'afero. Tiu ĉi vera senco estas, ke Esperanto en USSR servu nur al la doktrino reganta. Praktike tio signifas, ke la enlanda organizajo monopoligis la movadon. UEA ĉesigis sian agadon, protestante.

Estas tio-ĉi la unua ekzemplo, ke ankaŭ de anoj de la nepolitika movado, oni postulas submetiĝon al la doktrino. La kazo de USSR estas tipa. Ripetiĝis la malpermeso, ne de la lingvo kiel sub la Cara tempo, sed de certa parto de l'organizo esperantista. Kaj estas rimarkinde, parte ne kompreneble por eksteruloj, ke SAT la klasbatalan organizajon esperantistan trafis la sama sorto. Ankaŭ ĝin oni konsideris kiel entreprenon, ne konforman al la reganta doktrino.

La dua regno kiu ĉesigis la organizitan agadon por la Internacia Lingvo, estis Germanujo. Necesas kelkaj precizigoj pri la efektiva situacio. La bazo de la malfavora sinteno estas la rilato al ĉio internacia, egale ĉu sen aŭ kun ia tendenco. La detalo, ke Esperanto estis kreita de judo nur pligravigas la sintenon. Okaze de la ŝanĝo en jaro 1933, ĉesigis tuj sian agadon aŭ estis nuligataj la Laboristaj organizajoj. La senpolitika kaj laŭ okulo de ne-germana esperantisto, bone patriota Germana E-Asocio povis treni sin ankoraŭ ĝis 1933. Tiam oni ordonis al ĝi, ĉesigi sian agadon. La rajto, mem dissolviĝi kaj orde likvidi la aferojn estis konsentita al movadojn, ne suspektitaj pro ŝtata perfido. Tria kaŭzo ne atentita ĝis nun, estas la principa sinteno de la Unuiĝo por la Germana lingvo (Deutscher Sprachverein) societo kun celo protekti kaj purigi la germanan lingvon, kontraŭ « mikslingvo ». Sed Esperanto kiel **lingvo** ne estas malpermesita en Germanujo. Neniu malhelpas ĝin uzi por ordinaraj celoj. Ni ne konas pruvitan kazon pri polica interveno ĉe personoj uzantaj Esperanton, ne suspektitaj pro ia malrespekto al leĝo.

Resume: Esperanto kiel lingvajo, sed sen organiza interligo ne estas malpermesata.

### La situacio en Italujo

Por bone kompreni la situacion en Italujo necesas kompreni la malsaman sintenon de la reganta doktrino, al kulturaj aferoj. Se la ŝtatestro germana opinias, ke Esperanto estas kreita por esti la universala lingvo de universala ŝtato sub juda regado, la opinio de la itala ŝtatestro estas alia. Ni havas dokumentitan pruvon pri tio, nome en libro de E. L. « Konversacioj kun Mussolini ». Tie sur paĝo 78 oni priparolas lingvajn demandojn.

La teksto estas jena:

E. L. demandas:

— Se la diversaj lingvoj ne ĝenas vin kiel nin (en Svislando) tiam vi antaŭ ne povus esti por mondlingvo.

Respondo:

« Formiĝas speco de tutmonda dialekto, tekniko kaj sporto formos ĝin mem. Sed ia Esperanto nur detruus ĉian literaturon, kaj kio fariĝus el la mondo sen literaturo ».

Videble la opinio pri internacia lingvo flanke de l' Duce estas alia ol tiu de l' Führer. Ni, la anoj de Esperanto povas fieriĝi, ke al nia penado oni donas tioman gravecon, tian kian ni mem neniam supozis.

La problemo mem prezentiĝas alie en Italujo. Neniam la movado por Esperanto estis konsiderinda. Konstato kiu ne bezonas pruvon. Dume en Germanujo, eĉ en plej malfavora momento, la diversaj organizajoj neŭtralaj kaj aliaj kalkulis grupojn en pli ol kvarcent lokoj kaj ekzistis miloj da ne-organizitaj samideanoj.

Laboras en Italujo la Esperantista Federacio Itala kun aganta centra en Milano. UEA havis en plej bona momento 400 **aktivajn** membrojn kaj delegitojn en 80 lokojn.

Nova leĝo limiganta la rajton partopreni en internaciaj societoj — al ŝtatoficistoj — servis kiel preteksto, flanke de la tiama gvidanto de la Itala Federacio, ke UEA submetiĝu ............ al kio, oni sin demandas? Nu, al la regado de Sinjoro R. O.! Por UEA kaj ĝia komitato la situacio estis tia: Se ekzistas leĝo, kiu ĝenerale limigas la rajton partopreni al internaciaj societoj, tiam ni ne povas alie ol priatenti ĝin. Ne estas nia tasko kompromiti nian movadon per opozicio, en si mem ja sencela kaj eĉ ridinda. Por koni la efektivan situacion kaj ĉian eblecon UEA sin turnis al la svisa ambasadoro, ĝenevano S-ro Wagnière, iama redaktoro de la taga gazeto « Journal de Genève ». Li tre kompleze proponis senpere sin turni al la ŝtatestro por demandi pri la apliko de la leĝo.

Ni preparis bone dokumentitan memorandumon itallingvan. Tiu ĉi memorandumo, koncize kaj klare priskribis la movadon. Kiel konkludon de la petskribo ni demandis ĉu UEA laŭ la statuto submetita rajtas labori en la Reĝlando, speciale ĉu ĝi rajtas havi Delegitojn kaj tiuj plenumi la taskon preskribitan en la rilataj partoj de la statuto.

La svisa ambasadoro, vidinte tiun ĉi dokumentaron, konsilis ke ni sendu ĝin per diplomata vojo. Li mem promesis interveni en taŭga momento.

Tion ni faris. Ni rilatis kun la itala generalkonsulo en Ĝenevo, kiu sendis la dokumentaron al Romo. Pasis ioma tempo ĝis venis la lakona respondo de la Generalkonsulo:

*Genève, 6 Junio 1934.*

*Sekve de nia konversacio de la 4-a de Junio mi havas la avantaĝon komuniki al vi, ke la Reĝa Ministerio de l'Interno bonvolis doni la 28an de Februaro lasta, sian propran konsenton, ke la Universala Esperanto-Asocio, kun sidejo en Genève havu reprezentantojn en Italujo. Bonvolu akcepti, Sinjoro Direktoro, miajn plej bonajn salutojn.*

*Subskribo: Spechel,*
*Generalkonsulo.*

La enketo pri nia agado estis serioze farita. Tiu ĉi nia ago, rekte nin turni al la registaro ne plaĉis al la estro de la E-Federacio en Italujo. Jam antaŭe, pro la bona paco kaj por montri nian pretecon, aranĝi nin laŭ la cirkonstancoj, ni konsentis transdoni la administradon de UEA al la Milana Centro. Plie, kio estis ridinda postulo, ni konsentis apartigi la liston de la Delegitoj en Italujo de la ceteraj landoj. Ni eĉ provizore ne plu akceptis kotizojn, sed nur abonojn kun jarlibro, procedo per neniu pravigita. Nenia leĝo tion devigis.

Sub la sankta signo de l'unueco esperantista, la tiama Esperanto-Estro en Italujo kredis ĉion ebla. Sed krom Italujo ja ekzistas ankaŭ aliaj landoj same interesaj por nia movado. Kaj aranĝi la tutan movadon laŭ kaprico de unu persono en lando sub specialaj kondiĉoj, tio tamen iris tro malproksimen. Nature nia rekta informiĝo neniel plaĉis al la Centro en Milano. Oni devas scii tion, por kompreni ĉion kio sekvis poste.

Unuvorte: Ne ekzistis kaj ne ekzistas ia leĝa malhelpo por la funkciado de UEA en Italujo.

### Nova fazo de l'evoluo

UEA restariĝis. Pene kaj persiste. La konfuso ja nebuligis multon. Ankaŭ en Italujo multaj forlasis la movadon tedeĝitaj pro la eternaj kvereloj. De 400 anoj en jaro 1926, oni falis ĝis 45 aktivaj anoj en 1936, malgraŭ la unueciĝo. La ideo de la Esperanto Centro en Milano estis, pere de l' turismo, krei favoran impreson ĉe la registaro. Laŭdinda intenco, sed efektivigita per ne laŭdindaj rimedoj. La kongreso en Romo 1935, vojaĝinta de loko al loko, malklarigis la celon de nia afero. Partoprenis ĝin ankaŭ neproporcie granda nombro da freŝbakitaj esperanto-balbutantoj, turistoj kaj ne esperantistoj!

La ŝatinda rezulto de l' turisma kongreso estas la nun daŭra uzado de la lingvo en turisma propagando per la radio kaj imponaj presajoj.

La agado de UEA en Italujo post 1936 estis modesta. Revenis kelkaj malnovaj amikoj.

Antaŭ kelkaj tagoj ni nun ricevis informon, ke kolportiĝas la dirajo, ke « **UEA estas framasona societo** ». Videble en tio estas la influo de la malamikoj de UEA. Subtenita de certaj publikigajoj germanaj, asertantaj ke UEA estas kreita de la sekreta juda registaro!

Por trankviligi niajn amikojn italajn ni deklaras:

UEA ne estas nek estis « branĉo de ia sekreta ligo ».

Ĉiaj rimedoj financaj venas el la videbla fonto de kotizoj. Ĝia agado skrupule sekvis la vojon de la statuto, kiu de 1908 starigis kiel firman regulon, la nepran senligitecon al tagaj politikaj demandoj, alie dirite al severa neŭtraleco en ĉio kio tuŝas religion, rason kaj politikon. Ĉiajn financojn kontrolis, per la imposta deklaro, la Financa Oficejo Ĝeneva. Kalkuloj aperis regule. El ili vidiĝas la modesteco de la tuta afero, modesteco kiu kontrastas al la farita lokigo je sama rango aŭ graveco de UEA al oficialaj (ŝtataj) institucioj en Ĝenevo, kiel ekzemple la Ligo de Nacioj.

Ni kolektas la materialon pri la onidiroj cirkulantaj kaj se necese nin turnos denove al la registaro.

H. J.

---

# Ŝako

Redaktoro: Frant. Hájek, Přemyslovo nábř. 396, Praha-Nusle, Č. S. R.

*Ŝakludantoj savu la kamaradon!*

Dum la lasta transkontinenta aerflugo renkontiĝis en la ĉambro de la aerŝipo nia Samideano Fr. Hájek kun la adepto de la laste kudrita internacia lingvo Okcimiksal. Ne estas mirinde, ke ili fanatike disputis kaj memkompreneble, ankaŭ ne sukcesis unuecigi la opiniojn. Kio tiam okazis, pri tio ĉi ni ne volas esplori, sed mirigite ni nun ekscias, ke nia Samideano kuraĝis ludi ŝakan partion kun S-ro Okcimiksi, metante kiel premion sian esperantistan animon. Li promesis, ke li okcimiksiĝos, se li perdos la ŝakpartion. H., la konata malkuraĝulo, riskis tion fari pro tio, ke apude sidis alia S-ano, sperta ŝakludisto, kiu konsilis al li fari la ĝustajn movojn, kiam li malbone fartis sur la ŝaktabulo.

Ili luktis sovaĝe kaj preskaŭ fininte la partion, komplikiĝis la ludo tiom, ke nia s-ano preskaŭ svenis pro la supozo, malvenki (bonvolu rigardi apude, kiel malbona estis lia pozicio).

La konsilema S-ano (kibico) volis per freŝigo de la aero kontraŭagi al la minacanta sveno de H. kaj alkroĉis la fenestron de la aerŝipo, malfermis ĝin, sed en la sama momento forflugis lia ĉapelo pro la forta aerpremo. Volante kapti la ĉapelon per eleganta salteto, okazis tio, kio nur povis okazi... Li sukcesis nur elgorĝigi la krion: « Vi gajnos la partion per la oka movo » kaj tuj en la sekvinta momento li ripozis jam en la paco.

Pro la subita funebra okazo oni interrompis la ludon, promesante fini ĝin en pli postaj tagoj.

Kio nun okazos? La afero ŝajnas esti danĝera, ĉar la partio devas esti baldaŭ finludata. Kiu konsilos al s-ano H. la ĝustajn movojn? La oferema helpanto estas morta kaj oni ne rajtas dubi pri liaj postlasitaj vortoj, ke H. gajnos per la oka movo. H. havas la blankajn figurojn kaj faras la unuan movon. Bonvolu konsili aŭ konsoli!

# La Retoromanĉoj

de Peider Lansel

II.

Tiom longe, kiom la kolosa militista organizo, kiel bazo kaj apogo de la imperiestra aŭtoritato, restis plenefika, Retio Kuriana, ne troviĝanta en unua linio, povis konsideri sin tute sekura. Sed kiam tiu ĉi organizo komencis ŝanceliĝi kaj plimultiĝis la atakoj de la barbaroj, sekviĝantaj ĉiam pli fortaj pli kaj pli oftaj, devis veni la sorta tago, en kiu Romo, elĉerpinte lastajn fortojn en internaj konvulsioj, ne povis plu rezisti al la atako barbara. Jam en la mezo de la kvina jarcento, penetris la Alemanoj en la Maxima Sequanorum (Alta Alsaco kaj orienta Helvetio) kaj nune, firme enradikiĝintaj, fariĝis la senperaj najbaroj de Retio. En la jaro 487 Odoakro revokis soldatojn kaj Koloniistojn el la Danuba Valo al Italio kaj esprimis per tio la finfinan retiriĝon de Romo el ĉi tiuj regionoj. La garnizonoj de Alta Retio, formitaj el indiĝenaj trupoj estas kapablaj defendi la hejman teron. Ĉiuj teritorioj apudaj transiras senmalhelpe de la roma regado al la barbaroj. Alta Retio, izolita kaj limigita je la finajoj de la alpa fortikaĵo kapablas, la *unika kaj sola*, konservi la propran sendependencon, « *kiel insulo en la superbordiĝinta maro de la popoloj* ». (Mommsen). Fakto, kiu de nun donos al ĝi privilegian pozicion.

Dume la barbaraj hordoj, rapidigas la kompletan disfalon de la okcidenta Roma Imperio, nova lumo kultura eliras de la kristanismo. En Retio Kuriana ĝi penetras je la fino de la kvara jarcento — episkopo Asinio estas konstatita en la jaro 451 — ĝi tamen disvastiĝas nur malrapide, kiel tion pruvas la retoromanĉa eklezia terminaro. Ĉi tiu ne bezas sur la antikva greka lingvo (ecclesia, pentecoste k. t. p.) sed el la multe pli malfrua latina (basilica, quinquagesima, k. t. p.) Karakterizaĵo per kiu sin distingas Retio Kuriana, tre nete de la tuta ladina kaj lombarda zono, kvankam ĝi formis parton de la diocezo Milano. La enkonduko de la kristanismo fariĝis kompleta en la landoj de la Retio Kuriana, sub la Merovingaj reĝoj kun helpo de la irlandaj kaj skotaj misiistoj. Samtempe kun la kristanismo kaj kiel ties senpera sekvo, realiĝas la kompleta latinigo de Retio Kuriana.

Kiam je la fino de la kvina jarcento, la gota reĝo Teodoriko, fariĝis estro de Italio kaj provis en certa senco restarigi la roman imperion, li donis ĉefan gravecon, certigi al si la gardon de la Retaj Alpoj. Unue per plej larĝa aŭtonomio. Plie li komprenis tre lerte devigi al si la Retojn per la rekonstruo de l'urbo Curia kiun li nomis post la restarigo Theodoricopolis. Efemera baptajo kiel la estrado gota estis efemera sur la Retio Kuriana, daŭrante apenaŭ kvardek jarojn.

La posteuloj de Teodoriko, implikitaj en senĉesaj bataloj kontraŭ Bizantio, estis devigataj, por certigi al si la neŭtralecon de la Frankoj, cedi al ili en la jaro 537 la posedaĵon trans la limoj de Italio, de la Provenco ĝis kaj kun Retio Kuriana. Tiu ĉi lasta teritorio, tiom malgranda ĝi estis, estis *rekonita kiel sendependa ŝtato* kaj konservis tiel la nomon Raetia dume la ceteraj regionoj, kiujn la romanoj inkludigis sub tiu ĉi nomo, restis provizore en la manoj de la Gotoj, por pasi sinsekve al Bizantianoj, Langobardoj, Bajuvaroj ktp., kaj tiuj kiuj antaŭe fariĝis alemana posedaĵo, fakte kaj por la tuta estonto perdis la nomon retian.

Sub la Frankaj reĝoj kiuj ankaŭ havis pli malpli kaŝitajn intencojn (kio cetere baldaŭ veriĝis) Retio Kuriana daŭrigas ĝui esceptan traktadon. La reĝa povo transiras al la episkopo de Curia kiel delegito. Koncentrigante la plej altan religiau kaj civilan povojn en la persono de l' Praeses, ĝi formis specon de preskaŭ sendependa eklezia ŝtato. Sub la elektitaj Prezidantoj, ŝarĝitaj, gvidi la religiajn kaj civilajn destinojn, ni trovas vere abunde distingajn personojn. Dank'al ili, daŭriĝas episkopejo Curia, tra la profunda malhelo de l'epoko, manteni la torĉon lumantan de la kristana civilizo, formantaj pastrojn, ne nur por Retio sed ankaŭ por la apuda alemana teritorio.

Karlo la Granda (768-814) kvankam konfirminte okaze de l' surtroniĝo, al episkopo Verendario ke li ne tuŝas la dekretojn kaj leĝojn de l' Retio, rezervante al si nur la reĝajn rajtojn, ne atendis longe por ilin uzi. Jam en la unuaj jaroj de la naŭa jarcento, la civila povo estas forprenita de la episkopoj por transiri en la manojn de la grafoj de Retio, dividita nun de la rivereto Landquart, en Alta kaj Suba Retio. Per la divido de la Imperio sub la filoj de Karlo la Granda en jaro 843, la diocezo Curia estas detranĉita de la metropolo Milano kaj aldonita al tiu de Moguntia (Mainz, Mayence, Magonza). La unika ligo, verdire pli laŭ nomo ol laŭ fakto, inter Italio kaj Retio, estis tranĉita de nun por ĉiam.

Kun la kreo de la « *Sankta Roma Imperio de Germana Nacio* » la alpaj trapasejoj de Retio Kuriana ricevas novan gravecon kaj kaŭzas veran invadon de germanaj feŭdaj nobeloj, kiuj en-nestiĝis en la malnovaj kaj novaj turoj, estrantaj la stratojn. La episkopo de Curia, ĉefa posedanto de bienoj kaj feŭdaĵoj, ricevis de la Karlidoj donacojn kaj privilegiojn kaj fine eĉ estis kreita Imperia Princo. Ne necesis io alia, por eksciti la ambicion ĵaluzan de la fremda nobelaro. Ĝis la naŭa jarcento, la prezidantoj estis regule elektitaj el grandaj retiaj familioj ĉefe el la Viktoridoj. De tiam la episkopa digno de Curia fariĝis — oni povas diri preskaŭ sen interrompo — la ekskluziva prebendo de la germana nobelaro. La sinodo de Mainz 847 devigas la retiajn pastrojn, ne nur paroli al la fideluloj « *in rusticam romanorum linguam* » (oni volas diri la retoromanĉan) sed ankaŭ en « *en linguam theodiscam* », por ke ĉiuj povu kompreni. Ĉar la Retio Kuriana, jam en la tempo de Teodoriko ne estas ekskluzive romanĉa. Post la decida venko de la Franka reĝo Klodoviko super la Alemanoj en jaro 496, la postvivantoj serĉas rifuĝejon ĉe Teodoriko, por eviti la plenan ekstermon. Tiu ĉi, tutkontenta atingi tiom favorkondiĉe la submetiĝon de tiom dangeraj kontraŭuloj, konsentas al la rifuĝintoj la koloniiĝon en Retio « sen domaĝo al la jam ekzistanta popolo ». Tio ĉefe valoras por la Raetia Secunda (Vindelicio), kiu estis senpopoligita pro invadoj, rabadoj kaj forkuro. Ĉar krome, ekzistas ankoraŭ malplenaj lokoj en la ebena lando de la Raetia Prima, aro da Alemanoj okupas la terenon sude de la Lago de Konstanco (Bodensee). Per tiu ĉi enmigro decidiĝas la sorto de tiu ĉi teritorio, kiu fariĝis poste la *Raetia inferior*, kvankam la progresoj de la germanigado estis ekstreme malrapidaj. Proksime de la Lago de Konstanco survivas retoromanĉaj restaĵoj ĝis la oka jarcento.

En Glarono (Glarus) ekzistas tiaj restaĵoj ĝis la 11-a kaj en la regiono de Ragaz ĝis la 15—a jarcentoj. Tiu ĉi tuta regiono, kiu politike jam ne plu apartenis al Retia Kuriana, perdas la retian nomon eĉ pli rapide ol la latinecon.

(Daŭrigo sekvos).

# Deka Sokol Olimpiado Praha 1938



La Sokol [ = Falko] movado estas unu el la plej malnovaj organizaĵoj por korpekzercado en slavaj landoj. La fondinto estis D-ro Tyrŝ, ĉeĥo, kaj hodiaŭ la ĉeĥoslovaka Sokol kalkulas 800 000 anojn.

Nunjare okazas la Sokol-Olimpiado en Praha dum Junio kaj Julio. Pri ĝi informas faldprospekto en Esperanto [10 × 15 cm, 58 cm malfaldita] kun ilustraĵoj.

## Islando

Post alvoka artikolo de nia bulgara samideano Krestanov en la plej granda islanda ĉiutagulo « Morgunbladid » kaj dank'al klopodoj de niaj fidelaj islandaj samideanoj Thórteinsson, statistika direktoro, Thórdarson, verkisto kaj Halldórson, ŝtatpresejestro, en Reykjavik okazis kunveno por revivigo de la esp. movado. Regulaj esp. kunvenoj ĉiumarde en la donoj de F-inoj Kristinsdóttir, Danielsdóttir kaj Steinadóttir, la « tri esp. idolpastrinoj, kiuj gardas la fajron ». Baldaŭ kurso.

La movado reviglíĝis ankaŭ en la urbetoj Hafnarfjordo, kie estas esp. kurso, kaj Iafjordo, kie aperas « La Meditanto ».

## Tutmonda adresaro de la Esperantistoj 1938

TAE estas *bone helpilo en propagando kaj korespondado !* Ĉiu havigu al si la 128 pagan (15 je 23 cm) libron kun adresoj el 106 landoj kontraŭ pago de 2 anglaj ŝil. aŭ duondolaro aŭ 4 intern. resp. kup. al Tutmonda Adresaro (Bisamberg), leteradreso : Wien, I. Neue Burg, Esperanto-Muzeo, Aŭstrio.

Ĉekoj nur akceptotaj, se ili estas pageblaj en Wien.

Libropremioj al tiuj, kiuj varbos aĉetontojn !

## Konkurso pri glumarkoj

La « Revue Moderne » kaj la « Universala Art-Ligo » anoncas konkurson pri glumark-planoj por pacpropagando. La glumarkoj devas simboli la pacon kaj samtempe Esperanton. La aperonta serio enhavas 10 diversajn desegnaĵojn. La desegnaĵoj estas farendaj en du koloroj per linia tekniko, en grandeco de 9 × 10; 5 cm. Teksto : « Esperanto por la paco ! » aŭ « Pacon ! » « Esperanto » aŭ simile. Limtempo : la 20-a de marto 1938. Unu artisto rajtas sendi plurajn laboraĵojn. Unua premio : arta, arĝenta medalo; dua premio : bronza medalo. Adreso : « Revue Moderne » red. Ervin Preis, Budapest, VII. Szövetség-u 28/b.

## Lyon'a Foiro

La Internacia Foiro de Lyon eldonis novan afiŝon kun teksto en Esperanto. Ĝi estas plurkolora, 1 metron alta kaj 60 cm. larĝa. Ĝi prezentas la saman bildon kiel la antaŭa; nur la datoj ŝanĝiĝis, ĉar la Lyon'a Foiro okazos en 1938 de la 12-a ĝis la 22-a de Marto.

La Esperanto-Fako de la Lyon'a Foiro plezure sendos ekzempleron de tiu afiŝo al la grupoj, kiuj deziros ĝin utiligi por publika elmontrado. Sin turni : Foire de Lyon. Esperanto-Fako, Rue Ménestrier, Lyon (Francujo).

## Bulgarujo

Ĉie en la lando, progresanta Esperanto. La artikoloj de S-ro Krestanov pri la nordaj landoj estas regule publikigataj de « Mir » kaj aliaj ĉefgazetoj en Sofia kaj ofte enhavas mencion de esp. servoj. La ĉiutaguloj « Zarja » kaj « Kambana » ĉiusemajne dediĉas po unu paĝo al Esperanto. Multe da kursoj malfermitaj.

## Tra Eŭropo per Esperanto

Nia bulgara samideano, Ivan H. Krestanov el Sofia, ĝis la 15-a de Majo 1938 en Reykjavik, Islando petas nin, sciigi la abonantojn de lia lasta verko « Tra Eŭropo per Esperanto », ke pro lia prokrastita hejmreveno la menciita libro aperos nur en la fino de la kuranta jaro. La antaŭpagantoj ĝis la 1-a de Majo 1938 rajtas ĝin ricevi duonpreze, t.e. kontraŭ 4 (kvar) svisaj frankoj aŭ egalvaloro — ankaŭ respond-kuponoj akcepteblaj.

## Korespondado

La *Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (T. A. G. E.) starigis Internacian Korespondadoficejon por Geinstruistoj* kaj *Gelernantoj*. — Ĉiuj, kiuj deziras interkorespondadi kun alilandaj gekolegoj aŭ gelernantoj, sendu siajn adresojn al la sekretario de T. A. G. E.. — Oni senpage presigos la adresojn en I. P. R. kun la ordinaraj mallongigoj. Se oni deziras tujan respondon aŭ specimenan ekzempleron de I. P. R., tiam sendu unu respondkuponon. La adresoj estos almenaŭ presigata ses foje jare. Petu pluajn informojn de la sekretario.

K. H. SPORTEL, Nieuw-Scheemda (Gr.) Nederlando.

## Korespondado

Bulgarino 17 jara serĉas gekorespondantojn diverslandajn por daŭra korespondado.

F-ino Evelina Mladenova ul. Aldomirovska - 119 Sofia (Bulgarujo).

## Filatelistoj

Mi volas interŝanĝi poŝtmarkojn kun ĉiuj landoj kontraŭ estonaj kaj najbarlandaj PM. Nur kun seriozuloj. Ne sendas unue. Katalogo Yvert kaj Michel.

J. Lõhmus, Lai tän. 32, Valga, Estonio.

## Poŝtmarkoj

S-ro Jiri Hromada, studento, Praha VII, Socharska, 2, PM., k.ĉ.l. Temas pri kompletigo de la albumo per ordinaraj pecoj.

Mi volonte interŝanĝas PM kun ĉiuj landoj. Certe resp. Edvard Andersen, Aars Eje, Aars, Danlando.

## Katalogoj

de Esperanto-librejoj kaj eldonejoj. La eldonistoj estas petataj sendi siajn katalogojn kun nuntempaj prezlistoj al Radomir Klajić, ĉefdelegito de UEA, 23 Svetosavska, Beograd, Jugoslavio

## Esperantistoj !

Vi trovos multajn interesajn temojn por priparolado kaj pridiskutado dum superaj kursoj en la broŝureto « Nia Vojo » de S-ro IPE, sendata de Inĝ. Jozef Przyborowski 6-go Sierpnia 20, Warszawa, Polujo, po du ekzempleroj kontraŭ unu respondkupono.

## Esperantistoj

el ĉiuj landoj sendu viajn Fotaĵojn por eldono de albumo. Ĉiu sendanto ricevos multajn Fotaĵojn el diversaj landoj senpage. Fotografejo A. Indrulis, Laizuva, Litovujo.

## Postmark - interŝango

S-ro Mićé Marinovic, lernanto de klasika gimnazio, filo de delegito de UEA, en B a d i j a, (Korĉula) Jugoslavio, Dalmacio, dez. interŝanĝi PI kaj PM kun ĉiuj landoj.

## Regno de pensoj

Spirita, senpartia revueto de ĉiuj tempoj kaj nacioj estas havebla de :

Esperanto, Internat. ul. 42, Mukaĉevo, Ĉ. S. R.

## PM egalas monon !

Helpu Tutmonda esperantistaro ! Esp-movado en Ŝanhajo nuntempe estas en malbona situacio ! Sed la movadon ankoraŭ ne-facile funkciigas tie iuj fervoraj samideanoj. Por subteni tiean nian movadon donace sendu kiel eble plej multe da PM ordinaraj aŭ memorigajn sed komprenoble uzitajn ! Adreso : S-ro Ĉoĉa, 14/169 Carter Road, Ŝanhajo, Ĉinio.

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**

**Redakcio : Genève.**

**Red.: Provizora Komitato de U E A**

Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)

Dato : 15 Februaro 1938